


# INTERNACIA FERVOJISTO

2003. 1.



*Dresdeno: urbo de la Internacia Fervojista Esperanto-kongreso 2003*

## Redaktora jarraporto 2002

Jam la jaro 2002 finiĝis kaj kiel kutime mi prezentas al vi, mian 2002-an redaktoran jarraporton. Dank'al vi, karaj verkantoj, mi sukcesis plenumi la taskon transdonitan al mi ; tio estas presigi 8 numerojn kun entute 96 paĝoj.

La temo de ĉiu verkaĵo bone taŭgas al la celo de nia revuo. La artikoloj interesas kaj ligas ĉiujn IFEF-anojn disvastigante la enlandajn informojn al ĉiu unuopulo.

Tamen, laŭ mi, grava manko malplibonigas nian revuon. Ĉiujare, dum la IFEFkongreso, pluraj prelegantoj prezentas gravajn informojn okaze de la porfervoja parto (ĉefa kongresa prelego, fakprelegoj de landaj asocioj, ktp.). Revenante de la kongreso, pro multaj taskoj farotaj, ofte mi ne havas liberan tempon por resumi la diversajn fervojajn prezentadojn kaj bedaŭrinde neniu teknika artikolo aperas. Pro tio mi havas peton al la prelegantoj. ***Bonvolu prefere sendi al mi antaŭ la kongreso aŭ se tio ne eblas por vi, trandoni al mi dum la kongreso, resumon de via persona interveno.***

Mi devas senkulpigi min al la verkantoj sendintaj materialojn, kiuj malfrue (aŭ eĉ neniam) aperas en IF. La fakto estas ke, kvankam la temo interesas la legantojn, la loko mankas en la revuo kaj kelkafoje la artikolo poste iĝas eksteruza.

Mi ne forgesas la kaŝitan sed necesan taskon de nia revizoro Albert Gestin, kiu akurate kaj zorgeme faras la revuon kiel eble plej pura.

Kompreneble la revuo ne havus sencon sen niaj kutimaj legantoj, al kiuj, kaptante la okazon, ***je la nomo de la IFEF-estraro, mi deziras bonan novan jaron.***

*Jean Ripoche*



### *Bondezirojn*

La 26-an de februaro 2003 nia amiko VAN LEEUWEN Willem festos sian 85 jariĝon.

Por lia plurjardeka rezultohava grava laboro, en jaro 1980 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

***Koran gratulon***

**Frontpaĝo : ZWINGER, parto de baroka kastelo en Dresdeno**

## Enhavo




# 55-a IFEF-kongreso en Dresdeno

10-16.05.2003

*Kongresadreso :* 55-a IFEF-Kongreso
Postfach 100 425, DE-61144 FRIEDBERG
Tel /fakso : +49-6031-4617
Retadreso : 55a-IFK@web.de

Bankkonto : 55-a IFK, Henning Hauge, bankkonto 844 741 202
bankkodo 200 100 20, Postbank Hamburg

La Loka Kongresa Komitato ankaŭ ofertas al la partoprenantoj de la 55-a IFEF--kongreso tradician turistan programon. Jen super rigardo pri la antaŭviditaj ekskursoj. Estos vizitataj famaj vidindaĵoj en la urba centro de Dresdeno. Dum tuta tago ni ekskursos al la kastelo Pillnitz kaj al la montaro Saksa Svisio. Alia ekskurso konatigos al vi etŝpuran fervojon kaj la kastelon Moritzburg. Partoprenantoj de la postkongreso havos la ŝancon admiri ne nur la belecon de la ĉarma urbo Meissen, sed ankaŭ la faman porcelan-manufakturon.



*Ekskursocelo kastelo Pillnitz*

La dimanĉa posttagmezo invitos al rondirado tra la urbocentro de Dresdeno sen trafikilo. Sperta Esperanto-ĉiĉerono akompanos la grupon. Unuavice estas interesaj palacoj kaj preĝejoj en baroka stilo. Proksime al la Elbe-riverego troviĝas la unua celo : la teatra placo. La ĉirkaŭaj konstruaĵoj fondis la gloron de Dresdeno kiel centro de arto kaj arkitekturo. Unu elstara ekzemplo estas la saksa ŝtata operejo nomita laŭ ĝia kreinto Semper. Post kompleta ruinigo fine de la dua mondmilito ĝi estis idente rekonstruita.

Unu el la plej famaj konstruaĵoj de Eŭropo estas la barokstila ensemblo "Zwinger", ankaŭ rekonstruita post 1945. Pompaj pavilonoj ĉirkaŭas grandan korton. Interne troviĝas i.a. muzeo pri porcelanaj artobjektoj, sonorilaro el porcelano kaj galerio pri majstraj pentraĵoj. Ni preterpasas la rekonstruitan rezidejan kastelon en renesanca stilo kaj admiras la katolikan katedralon St. Trinito. En 1743 finiĝis la konstruado, de la monumenta, iam kortega baziliko kun 90 m-ojn alta turo. Post rekonstruo ĝi fariĝis la plej granda katedralo en Saksio. Alia majstra ĉefverko de eŭropa baroko estis la "preĝejo de la virinoj" finkonstruota nur en 2004. Ekzistas aliaj profanaj konstruoj en baroka stilo, kiuj postulas nian atenton. Ni ne devas manki la rigardon de sur la 500 m-ojn longa "Brühl"-teraso al la ŝipoj sur la larĝa riverego Elbe. Mardon, du tagojn poste, invitas alia vizito al la urba centro, sed per tramo. Oni ricevos ampleksan impreson pri la urbo. Merkredon kondukos tuttaga aŭtobusekskurso al la palaco Pillnitz, iama somera rezidejo de la saksaj reĝoj. En t n. Saksa Svisio atentas nin bizaraj, altaj rokoj, kiujn ni trapasos



*Ekskursocelo montaro Saksa Svisio*

sendanĝere. Königstein estas la nomo de idilie situanta urbo, de kiu historia vaporŝipo (T2) veturigos nin al Dresdeno.

La ĵaŭda programo antaŭvidas duontagan ekskurson per etŝpura fervojo. En Radebeul, proksime al Dresdeno, estas ekspluatata unu el la malmultaj etŝpuraj fervojoj per vaporlokomotivoj. La ekskursantoj vizitos la ekspozicion de historiaj veturiloj. Sekvanta celo estos la impona, flava kastelo "Moritzburg" kun kvar turoj, konstruita en jaroj 1723-36 dum la regado de la princo-elektisto August la Fortulo. Interne, surprizos nin kvar pompaj salonegoj kaj 200 ĉambroj. Ili elradias amorajn historiojn pri siatempaj regantoj.

Kulture interesitoj ĝuos unutagan postkongreson okaze de ekskurso al la urbo Meissen. Por tio necesas tranokti unu nokton pli en Dresdeno. La postkongresanoj gvidataj de Esperanto-ĉiĉerono admiros la faman porcelanmanufakturon. Ili promenos sur krudaj stratetoj kaj grimpos al la kastelo "Albrechtsburg" kaj al la suverene altiĝanta katedralo kun du turoj kaj tri navoj.



*Postkongresa celo en urbo Meissen*

Tiu postkongreso estas nepre rekomendinda. En la sekva eldono ni informos pri la historio de la kongresurbo kaj aliaj sciindaĵoj.

Dresdeno atendas vin en majo 2003 okaze de la Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso.

Aliĝu rapide

*La Loka Kongresa Komitato*

***Solvo de la distraĵo en lasta paĝo***

*Fariĝu fakdelegito de UEA*
*pri temo kunligita kun fervojo*

## Por la partoprenontoj al la 55-a IFEF-kongreso en Dresdeno

Laŭ la paĝo 4 de la invitilo, por alvenantoj per trajno ni aranĝos Esperanto-informejojn, kaj en la ĉefa stacio Dresden Hbf kaj en la stacio Dresden-Neustadt. Laŭ nova horaro ekde la 15-a de decembro 2002, ni planas jenan funkciadon :

**Sabate, 10-an de majo**

| | |
|---|---|
| ĉefstacio Dresden Hbf, por trajnoj el direktoj Berlin kaj Ĉeĥio | **9.45 h - 20.30 h** |
| stacio Dresden-Neustadt, por trajnoj el direktoj Leipzig kaj Pollando | **9.30 h - 20.00 h** |

**Dimanĉe, 11-an de majo** (ankoraŭ ne certe, dependas de sinanoncoj)

| | |
|---|---|
| ĉefstacio Dresden Hbf | **9.45 h - 12.30 h** |
| stacio Dresden-Neustadt | **9.45 h - 12.00 h** |

Ni petas tiujn, kiuj alveturos per trajnoj ekster funkciado de staciaj informejoj, aŭ alvenos nur dimanĉe, informi al la kongresadreso pri sia alventempo. Ili poste ricevos klarigfolion, kiel atingi la menditan hotelon, perpiede kaj/aŭ per publikaj trafikiloj.

Jen gravaj trajnoj alvenontaj 10-an/11-an de majo 2003 **ekster** funkciado de staciaj informejoj:

***alveno en Dresden Hbf***

| | |
|---|---|
| R 6638 / S 97088 el Decin / Schoena | 20.53 h |
| EC 278 el Wien | 22.00 h |
| R 6630 / S 97026 el Decin / Schoena | 8.23 h |

***alveno en Dresden-Neustadt***

| | |
|---|---|
| IC 2145 el Magdeburg | 20.38 h |
| ICE 1655 el Saarbruecken | 21.43 h |
| IR 450 el Wroclaw | 21.57 h |
| IC 2573 el Hamburg | 21.57 h |
| IC 2575 el Westerland | 23.42 h |
| D 452 el Warszawa | 7.56 h |

Heinz Hoffmann, LKK-ano



# Ekspozicio de nacilingvaj fervojaj revuoj

Dum la IFEF-kongreso en Dresdeno 2003 mi planas **ekzpozicion de nacilingvaj fervojaj ĵurnaloj kaj gazetoj** el la membrolandoj de IFEF. Por tiu celo mi alvokas sendi al LKK aŭ kunporti al la kongreso aktualajn ĵurnalojn de viaj naciaj fervojoj. Ni volas prezenti ĵurnalojn, kiuj estas eldonataj de la naciaj fervojoj

- por siaj klientoj respektive vojaĝantoj cele de la ekstera komunikado
- por siaj kunlaborantoj cele de la interna komunikado.

Ni klopodos trovi taŭgajn ekzpozicio-lokon en la teknika universitato aŭ alia publika loko. La klarigojn por la ekspozicio ni formulos kaj esperante kaj germane.

Heinz Hoffmann, LKK-ano

## Jarkonferenco en Ĉeĥio

Ĉeĥa landa asocio IFEF-FISAIC ČD aranĝis ankaŭ en 2002 sian tradician, jam 36-an jarkonferencon. Ĝi okazis de la 13-a ĝis la 15-a de septembro en la "urbo de la fervojistoj" Česká Třebová. Laŭ invito honoris la konferencon per sia partopreno ĉiuj IFEF estraranoj kaj aliaj honoraj gastoj el naŭ landoj.



*La kongresanoj dum la urba vizito en Ĉeska-Trebova*

Dum labora parto de la konferenco oni pritraktis la agadon inter jarkonferencoj, balotis por nova estraro kaj starigis taskojn por la venonta periodo. Ĉeĥa landa asocio de IFEF bone kunlaboras kun landa asocio FISAIC ČD kaj ricevas de ĝi organizan kaj financan subtenon, ĉiujare ĝi organizas du konferencojn kaj strebas partopreni ĉiujn aktivecojn de IFEF. Al mankoj apartenas konstanta malkresko kaj plimaljuniĝado de la membraro, malmultas gejunuloj. La kaŭzo estas simila kiel en aliaj mezeŭropaj landoj : konstruado de la koridoroj, enkondukado de la tekniko kaj aŭtomatigado de iuj trafikaj agadoj ; ĉiujare malkreskas la nombro de la fervojistoj, junuloj ĝenerale interesiĝas precipe al la angla lingvo kaj alia agado kaj estas tre malfacile varbi ilin al la movado.

Sabata programo apartenis plejparte al ekskursoj. Antaŭtagmeze ni vizitis parton de la urbo kaj poste Urban Muzeon, kies direktoro - esperantisto Jiří Pištora mem gvidis montrante riĉajn kolektojn. Inter ili elstaras unika "Kripeto de Česká Třebová" kun centoj da moviĝantaj homaj kaj bestaj figuroj venantaj kun donacetoj klini sin antaŭ naskiĝinta Diinfano en Bet-Lehem, kolektoj da historiaj metiartaĵoj, kaj ankaŭ ampleksaj kolektoj da E-libroj kaj aliaj esperantaĵoj.




Posttagmeze ni trajne ekskursis al Mladějov, kie ni vizitis etŝpuran Muzean fervojon kaj per nostalgia trajno trakciita per vapor-lokomotivo numero 1 / Kraus - Linz 1920/ traveturis parton de la linio ĝis preterpasejo Veksl kaj reen. Ni interkonatiĝis kun la historio kaj nuntempo de la linio. La tuta linio kun mallarĝa ŝpuro estas 11 km-ojn longa, estis konstruita en la jaro 1918 por transporti skiston el lokaj minejoj, lokan karbon kaj aliajn materialojn. Ĝi servis tiucele ĝis 1991, nun ĝi uzeblas por transporti turistojn kaj vizitantojn de la linio.

Dimanĉe, antaŭtagmeze ni promenante vizitis la urbon kaj ties memorobjektojn, inter ili unikan romanikan rotondon de sankta Katarina el la unua duono de la 13-a jarcento, renesancan urbodomon konstruitan en 1547, preĝejon de Sankta Jakobo kaj aliajn konstruaĵojn de la urbo, kies evoluo komenciĝis kunlige kun ekspluatado de la fervojaj linioj Olomouc-Praha en 1845 kaj Brno - Česká Třebová en 1849. Estis ja la fervojo, kiu kaŭzis kreskon de la loĝantaro kaj ampleksan konstruadon, eĉ nuntempe Česká Třebová estas elstara fervojnodo kaj la fervojo donas laboron al granda parto de la loĝantoj.

Jindřich Tomíšek

## Jarkunveno en Germanio

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) okazigis sian jarkunvenon ankaŭ en 2002, pli precize inter la 11-a kaj 13-a de oktobro 2002. La organizanto, distrikta komisiito Siegfried Krüger invitis nin en la hotelo de la Fervoja Sociala Organizado, ideale situanta en la sud-okcidenta montara kuracloko Baiersbronn. Dum la festvespero estrarprezidanto Holf Terjung bonvenigis la kunvenintojn. Salutojn de eksterlandaj fervojistaj asocioj transdonis Elena Mateeva (Bulgario), Dina Deloyer (Belgio), Jacques Dony (Francio), Emil Tudorache (Rumanio) kaj Anneliese Fiechter (Svisio).



*Sorĉisto Trixini mistifikas kongresaninon*

Sekva tempo apartenis al la admirinda prezentado de la fama sorĉisto Trixini, kiu rikoltis multe da aplaŭdoj. Por dancemuloj, agrabla muziko invitis ilin. Dimanĉon matene, Trixini estis denove aktiva. Li prezentis per diapozitivo-prelego sian ampleksan kolektaĵon da telefonkartoj el multaj landoj. Dum la laborkunsido GEFA-estraro kaj komisiitoj pritraktis ampleksan tagordon. Estis dikutitaj pasintaj eventoj kaj venontaj taskoj, precipe tiuj koncernantaj la venontan IFEF-kongreson 2003 en Dresdeno. Posttagmeza ekskurso per aŭtobuso kondukis al la impona, prapatra kastelo Hohenzollern situanta sur alta monto. La ekskursantoj admiris la grandan bastionon kaj luksajn salonojn, kiujn la posteuloj de la iama imperiestra familio okaze uzas. La etoso dum la jarkunveno estis bonega malgraŭ la nestabila vetero. Je la adiaŭo, kvindek partoprenintoj kore dankis pro agrabla, modele organizita semajnfino.

W.Barnickel (DE)

## Ĝenerala kunveno de AFEF en 2002

La AFEF - ĉefsekcio Knittelfeld en kunlaboro kun la urbodomo en Knittelfeld de la 23-a ĝis la 25-a de aŭgusto modele organizis Ĝeneralkunvenon de AFEF en 2002. Partoprenis membroj el ĉiuj kvar aŭstraj ĉefsekcioj Linz, Knittelfeld, Vieno kaj Villach kaj laŭ invito venis eksterlandaj gastoj el Ĉeĥio, Hungario kaj Slovenio.

Post bonkora akcepto en la stacidomo, vendrede ni estis transportitaj per aŭtomobiloj al trankvila tranoktejo Schweizerhof. Posttagmeze ni partoprenis interesan ekskurson al monaĥejo Seckau, kie ni interkonatiĝis kun historio de la monaĥejo, rigardis multajn valorajn objektojn kaj gustumis bongustajn brandojn, fabrikitajn kaj venditajn en la monaĥejo. Same agrabla estis la vespermanĝo kun amika kunestado en stila gastejo Kärtnerhof. Post salutvortoj de la vicurbestro de Knittelfeld Peter Eisenschmied kaj de la AFEF-prezidanto Walter Huber, dum bongusta vespermanĝo ni sekvis amuzan prezentadon de folklora grupo Steizerherzen kun tipaj stiriaj kaj aliaj kantoj kaj dancoj.

Sabate, antaŭ tagmeze, okazis en salono de la urbodomo ĝenerala kunveno de AFEF. Oni aŭskultis kaj aprobis raportojn de la estraranoj, balotis pri la nova estraro, estis informitaj kaj diskutis pri diversaj aktivoj de la multflanka agado. Menciinde estas, ke AFEF apartenas al la plej multnombraj kaj plej aktivaj landaj asocioj de IFEF, havas nun 435 membrojn, inter ili 95 estas IFEF-membroj. Malmultas junularo kiel en aliaj landoj ; estas tre malfacile varbi ilin ; ili ĝenerale interesiĝas pri la angla lingvo, interreto kaj aliaj eĉ malpli noblaj agadoj. Oni tamen ne rezignas kaj strebas trovi efikajn rimedojn, kiamaniere varbi junularon, kaj aktivajn fervojistojn eĉ aliajn trafikistojn al la organizo kaj ties agado. Por honorigi sinjoron Rudolf Zanko pro liaj multjara aktiveco kaj laboro por AFEF, kiel kasisto, oni nomumis lin "Honora membro de AFEF".



*Parto de la partoprenantoj dum vizito de la monaĥejo en Seckau*

Apartan dankon meritas la AFEF-ĉefsekcio en Knittelfeld kun ĝia prezidanto Hans Karner por modela organizo de la ĝenerala kunveno, pri kiu ĉiuj partoprenantoj longe memoros kun plej agrablaj sentoj kaj rememoroj.

Jindřich Tomíšek

* *colo egalas 26 mm-oj*

Dum aparta kunveno AFEF-estraranoj kun Vp de IFEF kaj HFEA-prezidanto Istvan Gulyàs traktis demandojn kunligitajn kun preparo de la komuna dulanda organizado de nia 56-a IFK en 2004 en Sopron. Estis fondita komuna LKK, kiu kunsidos ĉiun duan monaton celbone prepari la kongreson.

Sabate posttagmeze ni buse vizitis Aŭtokonkuran ringon A 1, kun gvidado ni dufoje traveturis la tutan ringon, vizitis konstruaĵojn kaj deĵorejon de la fama komplekso.

Tre bone preparita estis ankaŭ sabata kultura vespero en la urbodomo de Knittelfeld. Al bona amuzado grave kontribuis Kantgrupo EGV-Liedesfreiheit, 4 trompetistoj el St. Peter kaj ankaŭ riĉa malvarma bufedo kaj bongustaj trinkaĵoj.

Dimanĉe la 25-an de aŭgusto post ripoziga nokto kaj abunda matenmanĝo ni veturis viziti Fervojistan Nostalgian Muzeon en Knittelfeld kun riĉaj kolektoj de la diversaj objektoj kaj aparatoj, inter kiuj elstaras grandaj kolektoj da historiaj fervojistaj uniformoj, insignoj, deĵorbutonoj, kaj honorigoj. Unika en la mondo : kolekto de 1600 fervojistaj ĉapoj tutmondaj ; la kolektanto Laurenz Stipanitz estis enskribita en la Guinnesa libro de la rekordoj sub la numero 790 098. Aliaj objektoj kaj dokumentoj pri Linio de la Kronprinco Rudolf, nuntempe nomata Suda linio de St.Valentin al Villach pli poste plilongigita ĝis Pontebba, 408 km-ojn longa, la Muzea Ĝardeno, mikrofervojo kun kvincola * ŝpuro, nepre indas viziton.

**Nova prezsistemo ĉe DB**

Komence de la 15-a de decembro de 2002 **DB enkondukas tute novan prezsistemon** por logdistancaj trajnoj.
Jen kelkaj detaloj:

- **Kiu frue planas, tiu plu ŝparas.** Se oni aĉetas trajnbileton unu tago antaŭe ol la vojaĝtago oni ŝparas 10 procentojn de la regula prezo. Se vojaĝantoj aĉetas biletojn incluzive reveno-vojaĝo minimume tri tagojn pli frue ili ŝparas 25 procentojn. Oni povas eĉ ŝpari 40 procentojn se vi aĉetas tien- kaj reenbileton 7 tagojn pli frue kondiĉe ke inter la irvojaĝo kaj la reirvojaĝo troviĝas unu nokto de sabato al dimanĉo.
- **Kiu komune vojaĝas, tiu komune ŝparas.** La unuopaj klientoj pagas 100 procentojn kaj ĝis kvar kromaj kunvojaĝantoj (egale ĉu familianoj, ĉu amikoj, ĉu gekonatuloj) nur devas pagi 50 procentojn.
- **Kiu vojaĝas pere de rabatkarto "BahnCard",** tiu ricevas 25 procentaldonan rabaton por la jam donitaj rabatoj. La "BahnCard" por la dua klaso kostas 60 eŭrojn.
- **Kiu kombinas, tiu ŝparas la plej multon.** Se kvin posedantoj de la "BahnCard" vojaĝas komune kaj ili acetus la biletojn 7 tagojn antaŭe 73 procentoj de la normala prezo estus ŝparebla.
- **Familioj vojaĝas nun speciale favore.** Propra rabatkarto "BahnCard" por familianoj (inkluzive infanoj ĝis 17 jaroj) nur kostas 5

*Sekvo en paĝo 9*

**Rumanio : La Landa Asocio de IFEF** konferencis ĉi-jare en Sibiu/Hermannstadt!

Partoprenis 56 gekolegoj - inter ili 3 eksterlandanoj (HU,HR,AT). La "horaro" estis plenŝtopita, de la alveno ĝis la reveturo. Mankis nur tempo por dormi. Sed, cetere, oni devas laŭdi kaj la estraron kaj la lokajn organizantojn en Sibiu. Ĉio funkciis bone malgraŭ la iom "mankanta" lingvoscio. Por mi, tio ne estis problemo, ĉar la regiono estas dulingva. Tial germane: Hermannstadt! La homoj - kiel ĝenerale en Rumanio - estas afablaj kaj gastemaj. La vivnivelo estas iom pli modesta, sed tamen oni povas aĉeti kaj konsumi kion ajn.



*La gvidantaro : de maldekstre d-ro Marian Constantinescu prezidanto de EAR, s-ino Raluca Todor Junulara-prezidantino, d-rino Rodica Todor REFA-prezidantino, s-ro Mihai Stefan FISAIC-kulturreprezentanto.*

Unika kuriozaĵo estas, ke en Rumanio ĝis nun nia movado ankoraŭ neniam kongresis, kvankam la lando apartenas al la mezgrandaj kaj vere vidindaj. Bonaj ekzemploj estis niaj konformaj ekskursoj enurba kaj regiona. En tio Rumanio abundas tutlande kaj diverstipe.

Fieru ni fervojistoj, ĉar evidente ni estos la unuaj, kiuj kongresos tie. En Sibiu pruvis la - ĉefe virina - estraro de la LA, ke ĝi dume maturiĝis kaj IFEF povos akcepti la proponon por la 57-a. IFK, en la jaro 2005. La partopreninta Prezidanto de la "Esperanto-Asocio de Rumanio" (EAR), d-ro Marian Constantinescu, same ĝojas pri



*RFA ne nur serioze kunsidas, sed ankaŭ scias vigle danci, eĉ konkursnivele – kiel pruvis la nokta programo !*

la aktiveco de niaj rumanaj gekolegoj kaj promesis helpi, same kiel ni klopodu fari tion solidarece. Aparte oni fidas al nia IFEF Vicprezidanto, inĝ. Istvàn Gulyàs, sed ĝenerale ankaŭ al nia humanisma pensmaniero. Rimarkeblaj problemoj estas solveblaj - iom post iom - sed certe, ĝis la kongreso! Tion garantias la dume sufiĉe sperta Prezidantino de la Rumana Esperanto Fervojista Asocio (REFA), d-rino Rodica Todor.

Dankante bondeziras

Martin Stuppnig

AFEF-Vicprezidanto

*Sekvo de la paĝo 8*

eŭrojn. Akompanate de siaj gepatroj aŭ geavoj, infanoj plejjunaj ol 15 jaroj vojaĝos senkoste. La germana asocio de la fervoja klientoj **"Pro Bahn"** (esp. por fervojo) uzas sur sia hejmpaĝo en la interreto ankaŭ **esperanto-version** por la enkondukaj TTT-ejo **"http://www.pro-bahn.de/overview.htm"** (laŭ Reinhard Fögmeier en ESPERANTO aktuell 6/02)

La interreta horarinformo de la Germana Fervojo DB **"www.bahn.de"** inkluzivas la eblecon kompari la ekologian bilancon de la trajno kun la aŭtomobilo.

Amike salutas Bodo el Bremeno

## Renkontiĝo de fervojistoj en Seulo (Koreio)

La 26-an de aŭgusto, ĉi-jare, okazis renkontiĝo de fervojistaj esperantistoj el Ĉinio, Japanio kaj Germanio dum la 3-a Azia Kongreso de Esperanto en Seulo en Koreio de la 23-a ĝis la 26-a de aŭgusto. La renkontiĝon ĉeestis sinjoroj Osioka Moritaka kaj Nobuki Naosuke el Japanio, Heinz Schindler el Germanio kaj Han Zuwu el Ĉinio.



*De maldekstre : S-roj Nobuki Naosuke (Japanio), Heinz Schindler (Germanio), Han Zuwu (Ĉinio), kaj Osiaka Moritaka (Japanio).*

S-ro Han Zuwu prezidis la kunvenon kaj raportis pri la labora renkontiĝo inter s-ro Martin Stuppning, vicprezidanto de la Aŭstria Fervojista Esperanto-federacio, komisiita de IFEF, s-ro Li Sen, prezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio kaj s-ro Han Zuwu, vicprezidanto de ĈFEA, pri okazigo de la 58-a IFEF-kongreso en 2006 kaj pri la deziro kaj postulo de s-ro Jindřich Tomíšek, ĉefkomitatano de IFEF pri disponigo de la kontaktadresoj de fervojistaj esperantistoj el Azio, kunlaboro kun ili, varbo dela fakaj delegitoj de UEA pri fervojo en Azio, interŝanĝado de fakaj artikoloj en Esperanto. S-roj Osioka Moritaka kaj Nobuki Naosuke rakontis pri la Informilo de la Japana esperantista Ligo Fervojista (Japana Filio de IFEF) kaj internacia ŝip-linio inter Hirosima en Japanio kaj Pusan en Koreio, ekfunkcionta la 21-an de oktobro ĉi-jara. Tiam oni oportune veturos inter Japanio kaj Koreio per trajno kaj ŝipo. S-ro Heinz Schindler raportis pri la nuna situacio de la germana fervojo kaj akceptis la intervjuon de la Esperanta sekcio de Ĉina Radio Internacia pri sia Esperanta travivaĵo.

Bedaŭrinde neniaj koreaj kaj alilandaj en Azio fervojistoj ĉeestis la renkontiĝon krom ĉina kaj japana fervojistoj, kvankam estas multaj fervojistoj en Koreio. Antaŭ la kongreso s-ro Han Zuwu veturis de Inchon al Iksan, de Iksan al Gyeongju, de Pusan al Seulo per trajno, ĝuante la rapidon, oportunon, komforton kaj servon de la koreaj fervojoj.

*Han Zuwu*
*Vicprezidanto de la*
*Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

## Bonkora Pigo



Sur la suda deklivo de Dacimonto estis granda arbo, sur kiu du pigoj faris ĉiu sian neston kaj flegis idojn. Poste, unu el la du pigoj-patrino estis forkaptita de aglo. La du pigidoj, kiuj perdis sian patrinon, triste kriis. Tion vidinte, la alia pigino kompatis la orfojn, flugis al ili kaj savis ilin. Ĝi portis ilin en sian neston kaj traktis ilin kiel siajn proprajn idojn.

*Ĉina fablo de Lin Fang*

# Nova grandrapida trafiko en Germanio

Verŝajne estas jam konata ke en Germanio ekde la 01.08.2002 funkcias nova grandrapida fervojlinio, nome inter Frankfurto (sur Majno), ĉefstacio, al Kolonjo.

Ĝis la stacio Frankfurto Flughaveno kaj ekde la stacio Siegburg ĝi uzas la jam ekzistantajn itinerojn sed inter la du nomitaj stacioj temas pri nova itinero, dutraka kaj elektrizita.

Ekzistas kvar stacioj survoje, nome la novaj stacioj Limburg Süd (= suda) kaj Montabaur kaj la jam ekzistantaj Siegburg kaj Frankfurto Flughaveno. La 11-an de aŭgusto mi vizitis la du novajn staciojn kaj observis tie la trafikon kaj la aranĝojn por la publiko. Ne ĉio estis jam preta, sed multaj interesaĵoj por fervojistoj videblis.

Nombro da veturantaj trajnoj en ambaŭ direktoj :

| Tagoj | ĝis 14.12 |
|---|---|
| lunde - vendrede | 15 |
| sabate | 12 |
| Dimanĉe | 12 |

Ekde 15.12. 2002 nova horaro validas en tuta Eŭropo. La tiama trajnfrekvenco sur tiu linio ne estas jam konata, sed oni anoncas, ke ĉiun duonan horon trajnoj veturos.

La motorvagonoj estas nova tipo de trakciilo kaj nomiĝas ICE 3 ; ĝi longas ĉ. 200 m-ojn. La kaŭzo por la kvarfoja ŝanĝo de la horaro dum 4 monatoj estas laŭdire, ke ne jam sufiĉe de tiaj motorvagonoj ekzistas.

La linio longas 177 km-ojn kaj havas 18 pontojn kaj 30 tunelojn. La ĝisnuna linio laŭlonge de la Rejno, fakte ekzistas du, po unu rande de la rivero, longas 222 km-ojn. Oni nun ŝparas ĉirkaŭ la duonon de la tempo kaj pro tio la DB varbas per la slogano: "La fervojo donacas al vi unu (1) horon". La cifero "I' en ruĝa koloro, farita el metalo, estas starigita en stacioj kaj en la ĉirkaŭaĵo de la fervojo kaj estas la simbolo de la nova linio. La reloj kuŝas sur senbalasta trako (el betono) kaj nur en la stacioj la kajotrakoj kuŝas en balasto laŭ la konata maniero.




En la stacio de Limburg Süd ekzistas nur tiu linio, en kiu, meze, estas du trakoj por la nehaltantaj kaj du por la haltantaj trajnoj; do la kajoj servas nur por unu trako. En la stacio de Montabaur ankaŭ ekzistas la du rektaj trakoj kaj du apud la kajoj, sed je unu kaj alvenas kaj forveturas ankaŭ regionaj trajnoj el du direktoj.



*Simbolo de la linio en Köln Hbf*

La trajnoj estas ĝis la 14.12. (ekde Frankfurto Flughaveno) nur uzeblaj kun rezervado de sidlokoj. Krome, necesas havi specialan suplementon, do la bileto el Frankfurto al Kolonjo kostas 53,60 eŭrojn en la dua klaso.



*ICE dum halto en la stacidomo Limburg Süd*

Ne ĉiuj trajnoj de tiu linio haltas en ĉiuj stacioj - nur unu-, kutime alterne, krom en la stacio de Frankfurto Flughaveno, kie ĉiuj haltas.

Liberaj aŭ reduktitaj biletoj por fervojistoj (FIP) ĝis la14.12.02 ne validis en tiuj trajnoj.
Ekzemplo por la veturodaŭro : Frankfurto ĉefstacio : 13.48 h, Montabaur 14.27/ 14.29 h, Kolonjo je 15.06 h, do 78 minutoj. La ICE 1057, en kiu mi estis en la stacio de Montabaur dum ĝia halto, ĉar ĝi fruis(!) je 6 minutoj, havis 8 vagonojn, inkluzive la du kun la kondukistejo (antaŭe kaj malantaŭe), kiuj ligiĝas kun unu vagono. Du vagonoj enhavas 98 lokojn por la unua klaso, la aliaj 342 por la dua, do sume 440 lokojn. En tiu trajno la dua klaso estis plena. Enestas ankaŭ vagono kun "bistro" (iama restoracivagono).

La nova fervojlinio estis konstruita dum Ĉ. 6 jaroj kaj kostis ĉirkaŭ 6 milionojn da €. Konscie oni konstruis ĝin dum longa parto apud la aŭtostrato A 3 laŭ la principo: bruo apud bruo.

Per tiu ĉi artikolo mi korektas iomete la indikojn en IF 2002.4, paĝo 61. Je la 10.09.02 mi veturis per la nova trajno de Frankfurto (M) al Kolonjo kaj faris dum tiu veturo la aldonajn fotojn numero 1 en Kolonjo antaŭ la ĉefstacio, numero 2 dum la halto en Limburg Süd.

Walter Ullmann / D

## Memore al Odd Kolbrek

Nia fidela 86-jaraĝa membro, Odd Kolbrek, Oslo, Norvegio, mortis sabate la 2-an de novembro 2002. Li naskiĝis la 30-an de januaro 1916 en Oppdal. Li komencis kiel 20 jarulo sian deĵorkarieron ĉe la NSB (Norvegaj Ŝtataj Fervojoj) en Oslo, kie li laboris ĝis li emeritiĝis en 1980.

En 1949 okazis en la fervoja medio ampleksa varbkampanjo por Esperanto kun la rezulto, ke pli ol 30 kolegoj aliĝis al la fervojfaka esperantomovado. Inter tiuj novemuloj estis Odd Kolbrek, kiu tuj fervore ekstudis la lingvon kaj baldaŭ regis ĝin kaj buŝe kaj skribe. Kiel kasisto de la Norvega Esperantista Fervojista Asocio li dum multaj jaroj deĵoris konscience kaj ekzakte. Ĝis la lastaj vivjaroj, li estis elkore fervojisto, kaj li tre ofte kontribuis per fervojhistoriaj artikoloj el Norvegio al la revuo Internacia Fervojisto k.a. Li ankaŭ estis ano de la Landa Esperanto Asocio NEL, kaj estis dum periodoj sekretario en la Osloa sekcio.

Dum la jaroj Odd Kolbrek partoprenis en aro da enlandaj kaj internaciaj E-kongresoj kaj cetere li estis tre aktiva en la kutima E.laboro.

La forpaso de nia amiko Odd estas grava perdo por ni ĉiuj, li estis tre modesta, afabla kaj helpema persono. Ni, liaj kolegoj kaj samideanoj, tiel memoros lin. - Li ripozu en paco!

*Rolf Bergh / Per Johan Krogstie*
*NEFA*

***IFEF-estraro kliniĝas al la memoro de tiu fidela amiko kaj kondolencas al la familio***

## Parko de la Mondo

Malbork estas nordpola distrikta urbo kun longa historio, komencanta en 1276. Ĝi estis fondita de monaĥoj - kavaliroj de la Teŭtona ordeno, en Pollando oni nomis ilin krucistoj". La urbo nuntempe havas 42 mil logantojn kaj vizitas ĝin ĉiujare duonmiliono da turistoj. Allogas ilin historiaj vidindaĵoj, precipe la ege interesa triparta brika kastelo sur la dekstra bordo de Nogat-rivero, en 1997 honorigita per la enskribo sur la UNESKO-Listo de la Monda Kulturo-Heredaĵo.

Ĉar inter la vizitantoj estas konataj homoj el la mondo, laŭreatoj de Nobelpremio, diplomatoj, parlamentanoj, politikistoj, sciencistoj kaj kulturaktivistoj. kiuj samtempe estas esperantistoj aŭ apogantoj de la ideo de interkomprenigo kaj de la pontlingvo Esperanto kreita de la eminenta Polo L.L. Zamenhof, decidis la lokaj esperantistoj kun la Urba Konsilantaro de Malbork krei unikan parkon en la centro de la urbo - Parkon de la Mondo. En la centro de la parko estas instalita monumento honore al D-ro Zamenhof, inaŭgurita la 11-an de junio 2000 kaj ideo estas, ke elstaraj reprezentantoj de koncernaj landoj aŭ urboj dum vizito plantu en la Parko arbeton kaj malkovru E-memorŝtonon kreante tiamaniere la unikan Parkon de la Mondo. Tio ĉi estos komuna kontribuo por proksimiĝo de la nacioj jam antaŭ la plivastigo de Eŭropa Unio. Oni esperas, ke la ideo "Esperanto - la dua lingvo por ĉiu, sed por ĉiuj la sama" realiĝos jam en la unuiĝinta Eŭropo kaj sekve en la tuta mondo.

Kiel IF jam informis, okaze de la 17-a kongreso de la polaj esperantistaj fervojistoj okazinta en Malbork de la 21-a ĝis la 23-a de septembro 2001, oni aranĝis en ĉeesto de la urbestraro kaj elstaraj gastoj el naŭ landoj /inter ili Bulgario, Ĉilio, Italio, Koreio, San Marino / solenan malkovron de naŭ memorŝtonoj.

En la jaro 2002 la komencita iniciato estis daŭrigita. Krom unuopaj planto kaj malkovro de memorŝtono /ekzemple Rusio 22.04.2002/ oni aranĝis du grandajn solenaĵojn kun partopreno de pli multaj delegacioj kaj kulturagantoj. La unua okazis la 10-an de septembro 2002 okaze de solena inaŭguro de la Kafejo Esperanto, apud la Skvaro Esperanto. En ĉeesto de prof. d-ro L.C. Zaleski-Zamenhof kaj aliaj elstaraj gastoj oni solene malkovris E-memorŝtonojn de Francio kaj de la urbo Neubrandenburg /Germanio/.



*Ĉeĥa delegacio dum la solena malkovro de la ĉeĥa memorŝtono.*
*Parolas prezidanto de Ĉeĥa FISAIC sekcio inĝ. Voitěch Zelenka, apude maldekstre IFEF-Ckn Jindřich Tomíšek*

La sekvan solenaĵon sabate la 21-an de septembro 2002 partoprenis delegacioj de Brazilo, Ĉeĥio, Germanio, Hungario, Finnlando, Irlando, Latvio, Litovio, Pollando, Ruslando, Slovakio kaj Svedio. Ekzemple, la ĉeĥa memorŝtono apud ĉeĥa nacia arbo tilio /vidu la foton/ estis iniciatita fare de la ĉeĥa landa asocio de IFEF per mondonacoj de la membroj kaj ĝian malkovron partoprenis delegacio gvidata de la prezidanto de la Ĉeĥa landa kon-



silantaro de FISAIC ČD inĝ. Vojtěch Zolenka. Post solena depono de floroj ĉe d-ro Ludoviko Zamenhofmonumento oni en ĉeesto de la urbestro de Malbork mag. Mieczyslaw Roeding, vicurbestrino d-ino Danuta Stanek Gutowska /esperantistino/ kaj la Prezidanto de E-Rondo "Kastelo" en Malbork ; d-ro Eduardo Kozyra solene malkovris E-memorŝtonojn ĉe la arboj de la landoj. La programo estis akompanata de la Esperanto-ensembloj prezentantaj dancojn kaj kantojn en pola kaj Esperanto lingvoj ; , sekvis preskonferenco kaj solena tagmanĝo. Posttagmeze oni en grupoj vizitis la Teŭtonan Kastelon kaj Kastelan Muzeon en Malbork, sekvis koncertan prezentadon en la kastelo, vizitis Malnovan Urbodomon, du historiajn preĝejojn kaj E-bibliotekon. Dimanĉe antaŭtagmeze post solena Sankta Meso en Esperanto en la Preĝejo de la Dipatrino de Senĉesa Helpo oni buse ekskursis al Pelplin por viziti la Katedralon, Diocezan Muzeon kun valoraj eksponaĵoj (inter ili la unuura en Pollando ekzemplero de la Biblio de Gutenbergo) kaj meti florojn sur la tombon de eminenta esperantisto el Pelplin, episkopo Sufragano Konstanteno Dominik / 1870-1942/, la estonta beatulo. Ĉu al la ekzistantaj memorŝtonoj kaj arboj baldaŭ aldoniĝos aliaj, ekzemple de Aŭstrio, Britio, Hispanio, Nederlando, Usono kaj aliaj, por kompletigi kaj vere fari la parkon tutmonda ?

Jindřich Tomíšek Ckn

## AMO AL LA PROFESIO

Mi estis lernanto en vilaĝa lernejo. Foje dum fizika leciono pri vapormaŝino, la instruisto invitis lokomotivestron por konkrete klarigi vaporuzadon en lokomotivo, kaj entute por la estonteco. Tio estis tre interesa por ni lernantoj, ĉar fervojlinio kaj stacidomo situis malproksime. Tiam - dum pasinta jarcento - lokomotivoj uzis nur ŝtonkarbon.

Post la leciono, la lokomotivestro detale klarigis rolon de la vaporo, kaj ni rajtis demandi la specialiston. Mi ekkuraĝis kaj demandis: "Oni parolas, ke dum sia laboro, fervojistoj ĉiam estas nigre malpurigataj de fulgeroj kaj maŝingrasaĵo. Jen ĝuste male - Vi estas vestita per uniformo kun fervojistaj insignoj. Ĉu ŝtonkarba odoro malplaĉas al vi ? Vi enspiras ĝin tagnokte. Ĉu vi ne timas difekti pulmon kaj koron ?"

La lokomotivestro respondis : "0kulvide mi ĝojas pri plensano. Ŝtonkarba odoro estas tre agrabla por mi. Ĝi malagrablas nur al dandinoj, urbaj fraŭlinetoj. Mi tiel alkutimiĝis, ke eĉ troviĝante for de maŝino, mi sopiras al ĝi, iras al stacidomo, nur por enspiri ŝtonkarban fumon. Vi ankoraŭ estas infanoj, sed vi devas scii - se homo amas sian laboron, fumodoro ne gravas. Verŝajne plimulto de vi, ĝis nun ne vidis lokomotivon - nur aŭdis ĝian fajfilon. Se vi vidus lokomotivon, vi nepre dezirus iĝi fervojistoj. Ega plezuro estas, se vi sentas ke la forto de maŝino dependas de via amo al ĝi. Ŝajnas ke vi flugus trans kamparojn, montarojn -sciante ke ĉe sekvonta stacidomo homoj senpacience atendas vin."

Bedaŭrinde neniu el nia lernejo iĝis fervojisto. Nuntempaj fervojistoj ne estas devigataj alkutimiĝi al ŝtonkarba fumo, ĉar lokomotivojn movas elektraj aŭ termikaj fortoj. Sendube ili sentas sin pli komfortaj, sed homa amo al elektita profesio necesas - validas por ĉiam.

Ivan Trifonov Minĉev, Bulgario

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed kiu memoras ĉiujn ricevintojn ! Tial ni jen publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF.

| **Honora prezidanto** | | | **Jaro** |
|---|---|---|---|
| Giessner Joachim | Germanio | | 1990 |
| Engen Per | Norvegio | | 1998 |
| **Honoraj membroj** | | | |
| Kruse Elfriede | Germanio | | 1980 |
| van Leeuwen Willem | Nederlando | | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | | 1988 |
| Olsen Henning | Danio | | 1995 |
| BarnickelWillem | Germanio | | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | | 1999 |
| David Jaroslav | Ĉeĥio | | 2000 |
| Patay János | Hungario | | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | | 2001 |
| Hauge Henning | Danio | | 2001 |
| Bengtsson Harry | Svedio | | 2002 |
| **Honora membro de FISAIC** | | | |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1998 |
| Hauge Henning | Germanio | | 1998 |
| Giessner Joachim | Germanio | | 2000 |
| **Honorigitoj per FISAIC-medalo** | | **medalspeco** | |
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Aŭstrio | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Giessner Joachim | Germanio | ora | 1970 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| van Leeuwen Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Hauge Henning | Danio | ora | 1996 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |
| **Honora Patrona Komitato de IFEF** | | | |
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice | 1987 |

**INTERNACIA FERVOJISTO**
55-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro : Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72 230 Arnage, France**
**Tel /Fakso +332 43 21 16 39**
**Retadreso :**
**Jean.Ripoche@wanadoo.fr**



**Franca poŝtĉekkonto :**
**Atentu :**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭroj pli por bankelspezoj)

**UEA-konto :** iffk-o

**Apermonatoj :**
Januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 BUDAPEST, Hungario

**IFEF-TTT-paĝaro :**
HTTP://perso.wanadoo.fr/esperanto/ifef
ISSN 1397-4270

VIG 2002.482



## Por via distro

En malsupra figuraĵo bonvolu trovi kaj forstreki ĉiujn malsupre indikitajn vortojn. Ili povas esti trovitaj en ĉiu direkto, do horizontale, vertikale kaj diagonale eĉ retroire. La unuopaj literoj povas esti eĉ plurfoje uzitaj.

Post kiam vi forstrekos ĉiujn 23 vortojn, restos 48 neforstrekitaj literoj, kiuj legitaj horizontale laŭ linioj formas solvon. La ĝustan solvon de tiu ĉi okdirekta krucenigmo vi trovos sur paĝo 4.

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | F | A | O | O | N | O | E | L | O | R | T | R | O |
| I | O | Ĝ | T | N | U | A | F | B | A | T | O | K | L |
| T | U | N | E | L | O | D | D | E | U | L | K | E | I |
| G | O | I | D | T | O | G | D | L | E | F | A | E | R |
| P | U | S | E | U | A | P | A | R | O | O | R | I | V |
| I | O | T | K | E | K | U | L | V | E | R | T | O | O |
| Ŝ | O | N | J | A | R | T | M | O | O | O | E | K | K |
| T | S | U | T | N | D | R | O | L | L | Ĵ | I | L | D |
| O | M | E | G | E | I | A | T | R | A | E | K | U | A |
| N | E | F | R | E | T | B | R | R | O | D | R | V | R |
| T | R | A | F | I | K | O | O | O | R | K | N | A | J |
| O | B | O | T | S | O | F | D | A | R | K | N | A | Ĉ |

Forstrekendaj vortoj
Ankradfosto, ankro, bremso, bufro, ĉarelo, dejoro, konduktoro, kulverto, nadlorela, piŝto, ponteto, ponto, radakso, radkovrilo, serio, trabo, trafiko, trajno, trako, troleo, tunelo, vagono, vekto.

Kompilis Jindřich Tomíšek

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Retadreso : galati@radiotel.ro